BULTENO de la INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA ( IFEF)

---

Numero Ia. 1948 la jareldono.

Estimataj Gekolegoj !

Jen, nia modesta " Bulteno" unua ! Kvankam ĝi ne estas presita, ni almenaŭ prezentas al vi ion, kio komence servos al vi por plifortigi la ŝaŭenojn, kiuj nun interligas la gefervojistojn pli intime, ol antaŭe. Por plifaciligi la laboron nian estas necese ensendi kiel eble plej multe da artikoloj taŭgaj sed ne nur la samaj gekolegoj faru tion. Konigu ne nur tion kio plaĉas al vi, sed, nepre ankaŭ tion, kio ne plaĉas al vi, por ke ni havu la diferencon de diversaj ideologioj inter ni.
Nia organo estas ilo por rakonti travivaĵojn dum nia laboro kaj mencii spertojn ĉiajn. Skribe por multaj estas pli facile konigi siajn pensojn ol buŝe. Grimpante en vian plumon vi montru vian aktivecon. Montante por tio vi ne iras la ĝustan vojon, ĉar nia ga gazeto estu mezurilo en kia grado troviĝas nia stato.
Dum nia kunsido en Amsterdamo klare montriĝis la volo starigi specialan federacion fervojistan malgraŭ ni bone scias, ke al ni atendos multspecajn malfacilaĵojn, tamen, malfacilaĵoj ekzistas por esti venkataj. En nia kunveno ni jam konstatis iom da timo ke en la estonto enŝoviĝos en niajn vicojn malfavoruloj rilate al nia celo. Kia timo ? Emfaze mi diru, nia celo nur estas propagandi kaj disvastigi esperanton inter la gefervojistaro. Ne pli, ne malpli ! Tiuj, kiuj ne kunlaboros en la ĝusta senco de 'l vorto por efektivigi ĉi tiun celon, farante do ion, kio ne favoros al Esperanto, por tiuj ne estos loko en nia familio Esperanta fervojista. Ni ririgardu nian organizon kiel suĉinfanon, al ni estas la devo, bone nutri ĝin por ke ĝi fariĝu belaspekta plenkreskulo.
Tio ankaŭ dependas de via sinteno ĉu ni sukcesos spirite pli abundigi nian interligecon. Figure dirite; se ekzemple viaj infanoj estas tre aŭ tro malobeaj, ne estas la kulpo de la infanoj, sed, bedaŭrinde via propra ĉar montriĝas ke vi mem ne posedas la econ bone eduki ilin.
Unue ni do zorgu, ke nia sinteno, nia konduto, estas indaj por ke niaj " fervojistaj infanoj aliĝontaj " ne rajtu plendi. Ni apliku iom de pedagogio ! Ni donu ĉiam kaj ĉie indan ekzemplon evitante malgravajn interdisputojn.
Ni komprenebla en la estonto kongresos por priparoli diversajn aferojn ĉar en novfondita organizo certe restas io por deziri. Ne forgesu ke ni ankoraŭ estas novicoj rilate al organiza formo. Cefe estas laŭ nia opinio ke ni reciproke vizitadu unuj la aliajn, en tio kuŝas nia forto Ni zorgu ke la interrenkontiĝoj ne rompiĝu kaj ĉiu laŭ sia povo alportu brikon por konstrui nian novan organizon, ni ĉiuj metu do niajn ŝultrojn sub la jus komenciĝinta laboro. Tiam sendube ni povos fiere rigardi malantaŭen. Ciuj gefervojistoj ĉiutage dediĉu iom da tempo al nia, al sia movado, en kiu estas enkorpiĝinta peco de sia propra vivo. Ekkomencu por realigi nian sanktan idealon.

Kun gekolegaj salutoj,
La Prez. de IFEF:
W. Stapel.

Raporto de la sekretario.

En la kunveno okazinta la 4an de Aŭgusto en Amsterdamo dum la SAT-kongreso estas starigita la Internacia Federacio Esperantista Fervojista. ( IFEF ) kio sendube donos al miloj da kolegoj en la mondo la jam delonge sopiratan deziron.

Naskitaen granda mondĥaoso la novfondita organizo renkontos sur sia vojo malfacilaĵojn kaj seniluziiĝojn sed ili ekzistas por esti venkataj. Dum preskaŭ dujara prepara laboro ni kuraĝis fari la decidigan paŝon kvankam ni bone konscias la gravecon de nia tasko. Malgraŭ nia ĝojo pri la fondo, tute kontentaj ni ne povas esti pro la neĉeesto de kelkaj kolegoj el kelkaj landoj. Malgraŭ ĉiaj penoj ni ne sukcesis ricevi enirpermeson por niaj aŭstraj kaj germanaj gekolegoj dum la italaj kolegoj alvenis tro malfrue kaj la norvega kolego pro malsaniĝo ne povis veni.
Krome la hungaraj kaj bulgaraj k-doj ne povis ĉeesti la kunvenon pro financaj kak aliaj motivoj. Tion ni tre bedaŭras sed iliaj entuziasmigaj vortoj estis por ni stimulo realigi finfine nian celon kaj pro tio ni ne hezitis starigi la Internacian Federacion.
En feste ornamita kunvenejo la prezidanto de la provizora estraro per mallonga malfermparolado bonvenigis la reprezentantojn de la Nederlanda fervoja Kompanio, la fervojista sindikato, la Asocio de laboristaj esperantistoj kaj tiujn de la landaj sekcioj el Svedio, Svisio, Danio, Francio, Nederlando kaj la ceterajn ĉeestantojn esprimante la bedaŭron pri la malfacilaĵoj, kiuj malhelpis al niaj gekolegoj el Aŭstrio, Germanio, Bulgario, Hungario, Norvegio kaj Italio partopreni la diskutadon.
Poste S-ro van Haerscholte nome de la Direkcio de la Nederlandaj fervojoj alparolis la kunvenon esperantlingve, kiun bonan ekzemplon sekvis la reprezentanto de la fervojista sindikato.(N.V.) S-ro de Jong. Ambaŭ parolintoj deziris al nia kongreso fruktedonan laboron kaj esprimis la deziron, ke niaj laboroj kontribuu al la vera interfratiĝo de la popoloj. Laŭvice la landaj delegitoj faris salutparoladon post kio sekvis la pritraktado de la tagordo.
Gravaj opinidiferencoj ne prezentiĝas kvankam ĉiu havis okazon elverŝi la koron. La strukturo estas unuanime aprobita kaj bazita sur la propono de S-ro Lienhardt kaj la aeptitaj konkludoj de nia kolego Retaŭlt. Klare espriniĝis la deziro pri nenstareco kaj sendependeco de politiko aŭ religio. Nia Federacio estas fondita sur demokrata fundamento en la plej ekzakta formo. Ni nepre evitu politikajn kaj aliajn influojn en nia rondo kaj kreu kamaradecon, solidarecon, reciprokan kompreson kaj toleremon en la vera senco de la vorto.
La koncep tregularo estas ionete ŝanĝita per aldonoj aŭ trastrekoj de kelkaj vortoj kaj kiel eble plej baldaŭ ni dissendos la korektitan regularon al la landaj sekcioj.
Pli implika estis la fikso de la kotizo. Post longa diskutado oni decidis fiksi ĝin, po tri internaciaj respondkuponoj por membro. Post la starigo de la Federacio la estraro estas elektita, kiu restas provizore dum la unua jaro en Amsterdamo. Pri la venontjara kongresloko oni ne ankoraŭ definitive decidis sed se eble, ĝi okazos en Danio. Sendube unu el la plej gravaj kaj malfacilaj taskoj estas la eldonado de internacia organo en la nuna malfacila tempo. Tio kostas multe da mono kaj ĝuste tio mankas al ni. La nomo de la Federacio estas IFEF, Internacia Federacio Esperantista Fervojista.
Jen tre konĉiza raporto pri la fondiĝa kunveno de IFEF.
En la unua estrarkunveno ni decidis eldoni la unuan Bultenon enhavanta la dividon de la funkcioj en la estraro, jen ĝi estas:

| | |
|---|---|
| Ia prezidanto: | W.Stapel, Woubruggestraat.25/II Amsterdam.(W) |
| 2a prezidanto: | H.Hoen. Madurastraat. 7I/I Amsterdam.(O) |
| Ia sekretario: | J.Lok. Orteliusstraat.I08/III Amsterdam.(W) |
| 2a sekretario: | E.Dryfhout, Admiralengracht. 2I3/II Amsterdam.(W) |
| Kasisto : | W.Biesheuvel. Ceramplein.30/I Amsterdam.(O) |
| Redaktoro: | D.Muller. Oostzaanstraat.3/I Amsterdam.(C) |
| Asesoro: | A.Wissink. |

Antaŭ ol direkti nin rekte al la sekretarioj de la landaj sekcioj, ni

unue urĝe instigas la landajn estrarojn turni ilian plenan atenton al la organizado kaj progresoj de la respektivaj landaj sekcioj. Nia unua tasko estu, ke ekzistu fortaj landaj sekcioj, kiuj akurate kaj entuziasme laboras por la realigo kak perfektigo de la internaciaj interrilatoj. Eĉ se nia internacia aparato fiaskus en la unua jaro pro komenanko aŭ aliaj malfacilaĵoj nuntempaj ni jam estas certaj pri firma kontakto inter la sekcioj. En la sekvonta bulteno ni donos la informojn pri la adresoj de la aliĝintaj landaj sekcioj.
Trankvile sed akurate ni deziras perfektigi nian aparaton kaj pro tio ni petos al la estraroj de tempo al tempo kelkajn necesajn informojn.
Afable ni petas tial al la estraroj sendi al ni la regularon kaj eventuale eldonatan organon al ni. Krom tio ni volonte ricevu la nomojn kaj adresojn de la estraranoj kaj kompletan membroliston, por ke ni povu ordigi la kartotekon.
Korespondaĵojn por IFEF oni sendu rekte al la sekr: J.Lok. Orteliusstraat 108/III Amsterdam.(W)
Karaj gekolegoj, la ekzisto de Internacia Federacio de fervojistaj esperantistoj estas nun vera fakto kaj dependos de ni ĉiuj ĉu ĝi prosperos kaj floradas en la estonteco. Ne opiniu, ke ĝintuj funkcios perfekte sed estas nia komuna tasko zorgi, ke ĝi fariĝu organizo modela. Ni kalkulas je via plena kunlaboro kaj estas konvinkitaj, ke ni en la unua jaro de nia ekzistado jam povos atingi bonan rezultaton tiam ni en la venontjara kongreso denove povos prijuĝi la situacion. Dum la prepara laboro en la pasintaj jaroj ni jam sufiĉe korespondadis pri la diversaj temoj sed nun ni agu kaj montru nian volon ardan per faroj konkretaj. Do sendu al la sekr: J.Lok. la regularon, eventualan organon, la nomojn kaj adresojn de la estraranoj kaj la membroliston antaŭ la 15an de Novembro. Plenforte antaŭen !

La sekr: J.Lok.

<u>karaj Gekolegoj !</u>

La internacia rondo por ni, fervojistoj, estas fondita. En la kunveno okazinta la 4an de Aŭgusto la ĉeestintoj unuanime decidis, ke estu daŭrigata la laboro de la provizora estraro Amsterdama. Kaj nun al ni ĉiuj estas la devo, pligrandigi nian federacion por ke ĝi fariĝu granda kaj forta. Se ĉiu fervojista esperantisto propagandu ĉiam kaj ĉie inter la gekolegoj, tiam ni certe sukcesos. Sed, ne nur propagandi sufiĉas, ni ankaŭ konstruu federacion nonfortan ĉar por propagandi grandskale tio kostas monon, eldoni bultenon kaj en baldaŭa estonteco eldoni esperantan fakgazeton kaj okazigi ĉiujaran kongreson kaŭzas al ni monzorgojn. La monon ni bezonas por reciproke interkonatiĝi pere de la bultenoj kaj la kongresoj. Pri la kongreso, kiu laŭ decido de la unua kunveno okazu ĉiun jaron en alia lando, ni nur volas diri, ke ĝi estas grandvalora por interkonatiĝi unu kun la alia kaj pro tiom ĉiu faru sian eblon por ke li povu partopreni nian ĉiujaran kongreson kie ajn ĝi okazos.
Ni jam diris, okazigi ĉiujaran kongreson postulas monon kaj tio estas la zorgoj de la kasisto, honora tasko sed malfacila tasko.
Esperante, ke ĉiu landa kasisto kaj la anoj de la landaj rondoj kunlaboru por ke nia federacio fariĝu granda kaj influriĉa.
Doni jam nun regulojn ne eblas sed ni konsilas al la landaj kasistoj enkasigu la kotizojn kaj konservu ilin ĝis kiam la reguloj estos al vi konataj. Sendu al la internacia kasisto raporton pri la membronombro kaj aldonu la aliajn bezonatajn ciferojn.
En estrarkunveno ni pritraktos la diversajn manierojn, ĉar ĉiumonate la internaciaj monaferoj aliiĝas.

La kasisto: W.Biesheuvel.
Ceramplein.30/I Amsterdam
(O)

<u>Nia Bulteno.</u>

## Nia Bulteno.

Post longa periodo de subpremado kaj teroro ni fin-fine restarigis la internacian kontakton inter la tutmonda fervojistaro. Pro la fakto,ke nia membraro tiom dise loĝas en tuta mondo, nia monata bulteno estas nia ĉefa ligilo. Kia estos nia bulteno ? Tio unue dependos de la kunlaborado de nia fidela kolegaro tutmonda.
En ĝiaj kolonoj necesas respeguliĝu la aparta karaktero de nia internacia federacio fervojista. Nia bulteno estu organo leginda kaj alloga kaj kiom eble plej internacia, ĝi estu vera ligilo inter la granda tutmonda fervojista familio.
Gia enhavo ne konsistu nur el supraĵaj artikoloj kaj anekdotoj sed ĝia enhavo estu eduka kaj informa. Ni informu unu la alian pri laborkondiĉoj, teknikaj problemoj, progresoj de Esperanto inter la kolegaro, sukcesoj en la sindikata gazetaro ktp.
Tamen ni evitu, ke la enhavo de nia bulteno fariĝu tro teda kaj rigida, ĝi estu varia kaj laŭ ĉies plaĉo, ju pli da kunlaboro, des pli bona kaj alloga estos ĝia enhavo. Ne lasu do ĉiun laboron al la redaktoro, ĉar tiam nia bulteno ne estos konforma al sia internacia karaktero.
Tre bone ni konscias, ke aperigo de internacia organo ne estas facila tasko kaj multaj obstakloj renkontiĝos sur nia vojo, tamen obstakloj ne povos al ni bari la vojon kaj per komunaj fortoj ni certe venkos la renkontotajn malfacilaĵojn. Kaj ni ne dubas, ke malfacilaĵoj prezentiĝos, ĉar ni ĉiuj estas homoj kaj ĉiu homo estas eraripova, krome ne ĉiuj el la estraro havas sperton sur internacia tereno, sed farante tiun laboron oni spertiĝos.
Provizore nia bulteno aperas en modesta vesto kaj amplekso, ĉar nia financa bazo ne permesas al ni eldoni presitan gazeton, sed sistempe ni klopodos efektivigi tiun celon. Per tiuj ĉi malmultaj enkondukaj vortoj ni proponas al vi karaj gelegantoj la unuan numeron de nia bulteno, esprimante la deziron, ke ĝi kresku kaj floradu kaj fariĝu inda gazeto inter la internacia Esperanta Gazetaro.

La Red: D.Muller
Oostzaanstraat.3/I
Amsterdam.(C)

Parto de artikolo aperinta en Nederlanda Sindikata gazeto pri nia kunveno:

" Mia dua konisiita tasko de la ĉiutaga estraro de nia sindikato estis reprezenti ĝin en la fondiĝa kunveno de la Federacio de fervojistaj Esperantistoj. Tiu ĉi kunvenon okazis la 4an de Aŭgusto sub la gvidado de la Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda, kiun prezidis k-do Stapel. La Direkcio de la Nederlandaj fervojoj reprezentigis sin buŝe de S-ro van Haersolte, kiu en perfekta esperanto deziris al la kongreso la plej bonan sukceson. Estis sendube surprizo en tiu bone vizitita kunveno, ke neniu pene klopodis eligi iom da angla aŭ aliajn sonojn, sed ĉiu estis sufiĉe kapabla partopreni la diskutadon esperantlingve. La entuziasmaj kaj seriozaj diskutoj montris la harmonian volon pere de Internacia Federacio realigi la interesojn de la fervojistaj Esperantistoj en la plej ampleksa formo kondiĉe, ke politikaj celoj ne estu toleratAj. Reprezentantoj el multaj landoj partoprenis la diskutojn. La diskutoj pruvis la grandan intereson kaj la seriozecon per kio oni deziras prizorgi la interesojn de la fervojistaj esperantistoj.
La agrablaj kamaradecaj interdiskutoj kondukis fine al la fondo de Internacia Federacio, kies estraro estu en Nederlando. Tiu ĉi federacio plifortigos la kontakton inter la fervojistaj esperantistoj kun la celo elkreskigi la kontakton al firma kunfandiĝo per kio estiĝos allogaj ebloj por la membroj.
Esperantistoj el Nederlando kaj de ĉie, vi estas en tiu ĉi Rasa mondo lumigan ekzemplon. Via senlaca laboro donos al la homaro netakseblan servon. ( La artikolo estas tre mallongigita) J.L.